3a JARO MARTO 1911 5a NUMERO (29)

# BELGA ESPERANTISTO



## MONATA REVUO




*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*
redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

Belglando . . . Fr. 4.— (Sm. 1.60)
Eksterlando . . Fr. 5.— (Sm. 2.—)
Unu numero . . Fr. 0.40 (Sm. 0.16)

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10 — |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

**Redakcio.** Adreso por ĉio kio koncernas la redakcion (artikoloj, ĉiuspecaj informoj, jurnaloj, broŝuroj, libroj) : S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, 26, Arendstraat, Antwerpen (Rue de l'Aigle, Anvers).

**Administracio.** (Abonoj, monsendoj, k. t. p.) S-ro FR. SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

**Anonco pri korespondado :**
kun la numero de la jurnalo, en kiu ĝi estas presita : Fr. 0.50.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*





Priparolante la ĝojigan nombron de tiuj, kiuj jam aliĝis al la kongreso, nia bona kunfrato C(arlo) B(ourlet) diras en la februara numero de *la Revuo* :

« Tio jam estas bona signo, kaj neniam ĝis nun, tiel frue tiom da partoprenontoj enskribiĝis en iu kongreso. Tamen tio ne estas sufiĉa. Verŝajne estas, ke la kongresanoj estos *multegaj* ; verŝajne estas, ke tre multnombraj personoj ne ankoraŭ enkribitaj *intencas* veturi Antverpenon ; kial ili ne tuj sin enskribigas ? Tio *tie* faciligus la taskon de la organiza komitato. Oni facile imagas, kian konfuzon naskas subita lasthora aliĝo de amaso da kongresanoj. Kiamaniere dece ĉion prepari kaj antaŭzorgi, kiam oni nescias, ĉu venos mil aŭ trimil personoj ?

» Karaj samideanoj, aŭskultu min ! Ne prokrastu vian enskribon, tuj plenigu la aliĝilon kaj ĝin sendu al la *Sepo.* »

Tiu rezonado estas tre prava. Tutkoran dankon al la amiko Bourlet.

— En la literatura konkurso malfermita de la Sepo povas partopreni ĉiuj esperantistoj. La manuskriptoj devas esti senditaj antaŭ la 1a de julio al la sekretario-kasisto ; ili ne povas esti skribitaj de la aŭtoro mem kaj devas porti devizon, ripetitan sur fermita koverto enhavanta la nomon de la verkinto.

*Varma alvoko estas farata al ĉiuj esperantistaj eldonistoj, administracioj de esperantistaj ĵurnaloj, esperantistaj organismoj, aŭtoroj kaj ĉiuj bonevolemaj samideanoj, por ke ili aljuĝu, kiel eble plej baldaŭ, premiojn kaj difinu temojn.*

La ĝisnunaj favorantoj de la konkurso estas :

**Loka organiza komitato de la kongreso.** — *Historio de Esperanto* ± 20 paĝa, formato de B. E. : 1a premio : 100 frankoj = Sm. 40 ; 2a premio, 50 frankoj = Sm. 20.

**Redakcio de «Belga Esperantisto».** — *Originala novelo* ± 12 paĝa, formato de B. E. — Premio : 50 frankoj = Sm. 20.

**Antverpena Grupo Esperantista.** — *Pri la utileco de Esperanto por la komerco ; kiel enkonduki la uzadon de nia lingvo en la komercajn rilatojn.* 5 paĝoj, formato de B. E. Premio : 50 fr. = Sm. 20.

**La Verda Stelo.** — *Pri la utileco de Esperanto por la laboristoj ; kiel enkonduki la uzadon de nia lingvo en la laboristaron.* — Premio : 50 fr. = Sm. 20.

S-ro **Frans Schoofs.** — *La malnova flandra pentrista skolo.* — Premio : 30 fr. = Sm. 12.

**Belga Esperantisto** kaj **Oficiala Gazeto** publikigos regule sciigojn pri la konkurso.

— Por la organizo de fakaj kunsidoj oni estas petata sin turni al S-ro *Generalo Sebert, Prezidanto de la Konstanta Kongresa Komitato, 14, rue Brémontier, Paris,* kiu skribigos ilin sur la ĝeneralan programon de la kongreso. Kompreneble la Sepo prenos sur sin havigi la kunvenejojn.

— La dua kongreso de la Universala Esperanto Asocio (U. E. A.) okazos en Antverpeno, de la 27a ĝis la 30a de aŭgusto 1911, tuj post la esperantista kongreso, de kiu ĝi estas sendependa. La celo de ĉi tiu kongreso estas ekzameno pri la plenumita agado kaj fiksado de la laboroj por la venonta jaro. La kongreskotizaĵo estas fiksita nur je Sm. 2.— (kun la oficialaj dokumentoj). Krom tio la personoj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, sed deziras ĝin helpi kaj ricevi la kongresan dokumentaron, povas aliĝi kiel helpkongresanoj, pagante Sm. 1.—.

Oni povas aliĝi de nun.

**Van der Biest-Andelhof**, prezidanto ; **O. Van Schoor**, vicprezidanto ; **D-ro W. Van der Biest**, sekretario-kasisto ; **Maria Posenaer**, Leŭtenanto **Fr. Dupont**, **Louis Ritschie**, **Frans Schoofs.**

## Nomaro de la kongresanoj aliĝintaj antaŭ la 4a de marto 1911

423. F-ino Canning, Mary B., Provincial Bank House, Coleraine (Irl.)
424. Hindberg, Martin, arĥitekto, 11, Löhrsweg, Hamburg (Germ.)
425. Hendrickx, August, 12-3, Stoofstraat, Antwerpen (Belg.)
426. Fasce, Ettore, urba oficisto, 4, D. Chiossone, Genova (Ital.)
427. Stevenson, Robert, ĥemiisto, The Stobbs, Kilwinning (Skotl.)
428. Gabert, Eugène, 10, rue Claude Delaroa, St Etienne (Franc.)
429. S-ino Gabert, » » » »
430. Barbe-De Kneef, Jules, komercisto, Gentbrugge (Belg).
431. André, John H., Montalvido, Steyning (Angl.)
432. S-ino André, » » »
433. S-ino Duvoy, 8, rue Masséna, Lyon (Franc.)
434. F-ino Lagoguey, Marie, 7, place Voltaire, Paris »
435. S-ino Brézet, 2, avenue Parmentier, » »
436. S-ino Guivy, Josée, profesorino, 104, rue George Sand, Tours »
437. Heinz, Heinrich W., supera poŝtasistanto, Bergweg, 23, Frankfurt a. M. (German.)
438. F-ino Vannay, Louise, flegistino, Clinique Roux, Lausanne (Svis.)
439. Michaud, François, Sous-le-Pas, Abondance (Haute Sav.-Franc )
440. Elizondo, Teodoro, skribisto, Banco de Vizcaya, Bilbao (Hispan.)
441. Rodriguez Saŭtua, José, skribisto, Banco de Bilbao, » »
442. D-ro Hita, Jorge S., kuracisto, Hospital, La Arboleda »
443. Souchay, Emile, tajloro-vendisto, 134, boulevard Exelmans, Paris (Franc.)
444. Sergeant, advokato, 31, boulevard Mariette, Boulogne s. M. »
445. S-ino Sergeant, » » » » » »
446. Hyams, Henry, arĥitekto, Terval, Paignton (Devon-Angl.)
447. Thiele, Ernst, prokuristo, Holzerstrasse, 31, Elberfeld (German.)
448. Jann, Otto, notaria kandidato, Pliensaustrasse, 46, Esslingen a. N. »
449. Wicart, V. E, farmaciisto, 77, rue de Fontenoy, Roubaix (Franc.)
450. S-ino Wicart, » » » » »
451. Wicart fils, farmaciisto, 191, rue du Collège, » »
452. S-ino Wicart, » » » » »
453. Bartomeu, Ramon, farmaciisto, Tallers, 81, Barcelona (Katal.-Hisp.)
454. Tobella Castelltort, Ramon, presejestro, Carme, 18, » » »
455. F-ino Stark, Netta E, lernejdirektorino, Hopedune, Portrush (Irl.)
456. F-ino Hamilton, Charlotte, Rathmore, » »
457. F-ino Grineva, Elizaveta M., studentino, Pantelejmonska, 14, St Petersburgo (Rusl.)
458. Bailey, H. T., 31, Caversham Road, Kentish Town, London (Angl.)
459. S-ino Bailey, » » » » » » »
460. Thiébault, Jules, ekskolektisto de la ŝtatbienoj, 65, rue de Metz, Nancy (Franc.)
461. Baxter, James G., 29, Wellfield Road, Walton, Liverpool (Angl )
462. F-no Hollis, M., Priory View, Tanshelf Drive, Pontefract (Yorksh.-Ang.)
463. F-ino Smith, L. E, » » » » » « »
464. F-ino Smith, E. E. » » » » »
465. F-ino Iddon, Lizzie, «Hamptonville», 11, Owen Street, Accrington (Lancash.-Angl.)
466. F-ino Mc Whan, Kate, 74, East Bank Street, Southport » »
467. S-ino Millington, 46, Virginia Street, » » »
468. S-ino Hawkworth, 40, Hereford Road, » » »
469. Taylor, Sydney, 4, Clifton Road, Buxton (Derb.-Angl.)
470. S-ino Taylor, » » » » » »
471. Artes, Frederik Ernst, regna oficisto, Obrechtstraat, 116, den Haag (Hol.)
472. D-ro Feher, Mihaly, advokato, Magyar, 2635, Szolnok (Hungar.)

473. Deligny, Ernest, profesoro, boulevard Vauban, St Omer (Pas-de-C.-Franc.)
474. Weber, Hermann, Deweerthstrasse, 109, Elberfeld (German.)
475. Weber, Oskar, » » » »
476. F-ino Meyer, Odette, 2, rue Villeneuve, La Rochelle (Franc.)
477. Niesten, J. P. L., Claes de Vrieselaan, 67, Rotterdam (Hol.)
478. Protat, Ernest, urba konsilanto, Condé (Nord-Franc.)
479. Richez, Renaud, negocisto, Fresnes » »
480. F-ino Hugues, Blanche, poŝtestrino, Condé » »
481. F-ino Gérard, Gabrielle, profesorino de Esperanto, 9, rue d'Armaillé, Paris (Franc.)
482. Agache, Donat-Alfred, arĥitekto, 11, rue Eugène Flachat, » »
483. F-ino de Galliez, Magdeleine, » » » » » »
484. Fennall, Josiah, instruisto, 37, Lyndhurst Road, Portsmouth (Hants-Angl.)
485. Currie, Walter B., komercisto, « Verda Stelo », Holme Road, Burnley (Lancash.-»)
486. S-ino Currie, » » » » « »
487. Harrison, Joseph W., Canning Street, 49, » » »
488. Hardaker, Herbert, St Mathew's Street, » » »
489. Crabtree, William G., Thursfield Road, 48, » » »
490. Fernley, Tom, Turnstill Street, 27, » » »
491. Toms, Harry, Branch Road, 148, » » »
492. Woods, Jack, Briercliffe Road, 148, » » »
493. S-ino Woods, » » » » » »
494. F-ino Hurley, Annie, Hilary Street, 38, » » »
495. S-ino Poppleton, New Hall Street, 84, » » »
496. F-ino Poppleton, Lillie, » » » » » »
497. Poppleton, Fred, » » » » » »
498. F-ino Judson, Jane, Melville Street, 1, » » »
499. F-ino Wild, Dora, Brunswick Street, 27, » » »
500. F-ino Perry, Mary, Albion Street, » » »
501. F-ino Caldecott, Bessie, Trafalgar Street, » » »
502. F-ino Riley, Jane, Devonshire Road, 35, » » »
503. F-ino Whittam, Mary, Francis Street, 15, » » »
504. S-ino Murgatroyd, Thursby Road, 5, » » »
505. F-ino Dixon, Annie, Brougham Street, 51, » « »
506. Smith, Harry, Victoria Terrace, 12, » » »
507. F-ino Graham, Elizabeth, Burnley Road, 112, Brierfield » »
508. F-ino Drinkwater, Blanche, Pickup Street, 42, Clayton-le-Moors » »
509. Lawes, George W., komercisto, High Street, 10, Rishon » »
510. Geldert, John M., advokato, County Court House, Halifax (Kanad.)
511. Dinslage, J. F., The Orchard, Heronsgate, (Herts- Angl.)
512. S-ino Dinslage, » » » »
513. F-ino Deans, Agnes Burton, 202, Bruntsfield Place, Edinburgh (Skotujo).
514. F-ino Deans, Ella Darling, » » » » »
515. F-ino Mackenzie, L. Dumbreck, 30, Roseburn Terrace, » »
516. F-ino Mc Murtrie, Agnes Katharina, 13, Inverleith Place, » »
517. F-ino Mc Murtrie, Dorothea, » » » » »
518. Tullo, David Ritchie, advokato, 34, St Andrew Square, » »
519. F-ino Kingham, Constance, 4, Pembridge Square, London-W., (Angl.)
520. Bunce, Albyn, ĥemiisto, 25, Bridge Road West, Battersea-London »
521. Senior, Charles John, pastro, The Rectory, Lillingston Lovell, »
522. F-ino Senior, Hannah Dorothea, » » » »
523. F-ino Ramm, Emilie, pastrodomo, Georgenthal (Koburg-Gotha, Germ.)
524. Bermudez, Fernando, studento, Seminario, 26 1/2, Durango (Meks.).
525. Nix, John P., Terminus Road, 2, Eastbourne (Sussex-Angl.)

# Esperantista Paro

Laŭ germana ario : *Mädele, ruck, ruck* ..

Esperanta teksto de FRANS SWAGERS.




2. Kor'mia, vi, vi, vi, per forto de l'okulo,
Por ĉiam igis min malliberulo.
Vi ja gardas min,
En la kor', knabin',
Tie dolĉe estas,
Mi volonte restas.
Kor'mia, vi, vi, vi, per forto de l'okulo,
Por ĉiam igis min malliberulo.

3. Kor'mia, vi kaj mi, je la proksima jaro,
Por ĉiam iĝos geedziĝa paro.
Tiam per labor'
Povos, mia kor',
Ni aĉeti panon,
Eble dolĉinfanon.
Kor'mia, vi kaj mi, je la proksima jaro,
Por ĉiam iĝos geedziĝa paro.

☛ Apartaj ekzempleroj estas aĉeteblaj en la « **Centra Esperantista Belga Oficejo** » 20, Vondelstraat, Antwerpen, (rue Vondel, Anvers). Prezo : 10 centimoj.

## La tria belga esperantista kongreso

La tutmonda kunveno de la internacia samideanaro, okazonta dum la monato aŭgusto en Antverpeno, ne povas forgesigi **la trian belgan kongreson**, kies sidejo estas Charleroi kaj por kiu oni elektis la daton 4-5 junio (Pentekostaj tagoj).

La Karloreĝa kongreso devas montri, ke Esperanto ĉiam estas vivplena en nia lando, ke nia movado sukcesplene prosperas kaj ke la belgaj esperantistoj konservas sian viglan, nelacigeblan fervoron.

Niaj Karloreĝaj amikoj preparas al ni plej afablan akcepton kaj plej agrablan restadon en sia urbo, kaj faras ĉion eblan por ke la « Tria » estu inda je la kongresoj de Verviers kaj Brugo.

Cetere, la tiea bela ekspozicio, kiu kunigos la plej interesplenajn industriajn produktojn de nia patrujo, estos granda allogilo por la kongresanoj.

B. E. publikigos en sia aprila numero specialan artikolon pri Charleroi kaj la tria kongreso.

Atendante, mi esprimas la deziron ke la esperantistoj pripensu la aferon, kaj ke ĝi estu priparolata en la grupaj kunsidoj.

Geamikoj, ĉiuj al Charleroi !

Vivu kaj sukcesu la tria belga kongreso ! AM.

## Internacia literaturo

La esperantista libraro fariĝas ĉiutage pli kaj pli ampleksa. Dank' al la Zamenhof'a lingvo, estas nun ebligate konatiĝi kun la literaturo de ĉiuj nacioj, precipe de tiuj, kies aŭtoroj, sen nia mirinda interkomprenilo, ĉiam estus restintaj tute nekonataj de ni, kiel tiuj de la Poloj, Hungaroj, Bulgaroj, Japanoj, Katalunoj, Armenianoj, Danoj, Kroatoj, Litovoj kaj aliaj. Esperanto posedas specimenojn el la literaturoj de la cititaj popoloj, kaj certe la legantaro de B. E. kun granda intereso legas ĉiumonate la bibliografian felietonon, kiu pruvas tiun fakton.

Inter la multnombraj esperantigitaj libroj estas ĉefe citindaj diversaj antologioj, kiel la *Pola Antologio*, *Bulgaraj Rakontoj*, *Japanaj Rakontoj*, *Paĝoj el la Flandra Literaturo*, k. t. p.

La flandra literaturo, kies lingva teritorio esta tre malvasta, estis ĝis nun malmulte diskonigita en malproksimaj landoj. Kiu en Japanujo, Brazilujo, Ĉilujo, legis Conscience, Van Beers ? Nur tre malmultaj personoj, eble neniu. Nu, Esperanto konigis la valoron de niaj flandraj aŭtoroj, kaj estas granda honoro por nia lando, ke, laŭ tiu senco, ĝi montris la vojon al la internacia samideanaro, ĉar *Paĝoj el la flandra literaturo* estas la unua

samspeca verko, kiu aperis. La iniciativo de ĝia publikigado estas ŝuldata al S-ro D-ro M. Seynaeve kaj D-ro R. Van Melckebeke, al kelkaj fervoraj kunlaborantoj kaj — ne malpli ! — al la vigla presisto-eldonisto S ro Witteryck, kiu neniam hezitas por subteni esperantistajn entreprenojn. La verko datumiĝas de 1905 ; ĝi estas bela volumo (12 × 18) de 130 paĝoj kaj enhavas, krom ĉirkaŭrigardon de la nederlanda literaturo en Flandro, prozaĵojn kaj versaĵojn de David, Ledeganck, Conscience, R. Snieders, Jan Van Rijswijck, Jan Van Beers, Guido Gezelle, Frans De Cort, Tony Bergmann, R. kaj V. Loveling, G. Antheunis, E. Van Oye, Hugo Verriest, A. Rodenbach, Pol de Mont, Hilda Ram, J. Noterdaeme, Stijn Streuvels, R. De Clercq kaj H. Broeckaert, tre lerte esperantigitajn de S-roj D-ro Seynaeve, D-ro R. Van Melckebeke, A. Cassiers, L Cogen, J. Goorieckx, L. Lucas, Van der Biest-Andelhof, D-ro W. Van der Biest kaj O. Van Schoor.

La libro ne plu apartenas al la lastaj aperintaĵoj kaj de longe oni ne plu priparolis ĝin. Tial mi konsideras kiel devon denove voki la atenton sur ĝin kaj ĝin varme rekomendi. Ne nur ĉiuj esperantistaj grupoj devas posedi *Paĝoj el la Flandra Literaturo* en sia biblioteko, sed la libro meritas honoran lokon sur la legotablo de ĉiuj konvinkitaj esperantistoj.

Kun la afabla permeso de la eldonisto, B. E. prunteprenas el tiu bela verko du literaturaĵojn por sia literatura fako (1). Ambaŭ estos certe kun granda plezuro legataj, kaj donos ideon pri la alta valoro de la libro, el kiu ili estas ekstraktitaj.

AMATUS.

---

# Rerigardo al la jaro 1910

(Daŭrigo kaj Fino)

Ke la **Universala Esperanto-Asocio** denove faris gravajn progresojn, pruvas la ĝis 8000 kreskinta nombro de ĝiaj anoj. La delegitoj de U. E. A. faris grandajn servojn al la vojaĝanta publiko. Citata estu nur ekskurso de anglaj laboristoj tra Germanujo ; la vojaĝantaro (proksimume 50 personoj) estis petinta kaj ricevinta la helpon de la delegitoj de U. E. A. por trafi la celon de sia vojaĝo. Laŭ la informoj de tiuj, kiuj ĝin partoprenis, ne estus estinte eble atingi tian ĉiuflankan sukceson sen Esperanto.

La gardanto pri la ordo en la interrilatoj, la **Policanaro**, utiligis al si en larĝa amplekso Esperanton, ekz : en Sutton (Anglujo), Tarragona (Hispanujo) kaj Scheveningen (Nederlando).

---

(1) Vidu paĝon 132.

**Tramvojoficistoj** en Rotterdam kaj Dresden parolas Esperanton [1]. Diversaj unuiĝoj, kiuj celas favori kaj faciligi la internaciajn interrilatojn inter samprofesianoj, fondiĝis, ekz. la *Internacia societo de la esperantistaj fervojistoj* kaj la societo de presejoficistoj ; same estas citinda la *Vereinigung deutscher Eisenbahn-Esperantisten*. Speciale signifa estas la fakto, ke la angla unuiĝo de la elektro-inĝenieroj, kies prezidanto estas Silvanus Thompson, akceptis Esperanton por la rilatoj kun la eksterlando, plie ankaŭ la *Club des jeunes Aviateurs* en Paris. Ankaŭ estas citinde, ke la konata aerveturisto Farman uzas la lingvon Esperanto, por siaj nefrance parolantaj lernantoj.

El la novaj esperantistaj unuiĝoj estas ĉefe unu priatentinda, kiu celas enkonduki Esperanton en la militistajn rondojn, nome la en Madrid ekzistanta *Militista Asocio Esperantista*, kies honora prezidanto estas Reĝo Alfonso XIIIa. Ankaŭ aliloke Esperanto penetras inter la militistaro ; el Baku (Kaŭkazo) alvenis la sciigo, ke 25 tieaj oficiroj formas esperantistan grupon. — La franca militista gazeto « *Armée moderne* » publikigas studaĵojn pri Esperanta militista teĥnika vortaro, kun la kunlaborado de oficiroj el Anglujo, Aŭstrio, Bulgarujo, Francujo, Hispanujo, Meksikujo, Rusujo kaj Usono. — Esperantaj gvidlibretoj por la **Ruĝa Kruco**, kies simpatio al nia movado estas konata, estas ĝis nun eldonitaj en la lingvoj franca, germana, itala, rusa, dana, sveda kaj hispana. Esperanto ĉefe progresis ĉe la « Ruĝa Kruco » en Hispanujo. La antaŭ ne longe ekeldonita monata gazeto « *Esperanto et Croix-Rouge* » helpos la atingon de pliaj sukcesoj sur ĉi tiu kampo.

* * *

Ciam pli akceptata estas Esperanto ĉe la **Artoj kaj Sciencoj**. Dum la kongreso en Washington, la en Ameriko bone konataj profesiaj aktoroj « *Hickman Players* » ludis la esperantigitan « *As you like it* » de Shakespeare. Preskaŭ nekalkulebla estas la nombro de la kantoj en Esperanto, aperintaj dum la lasta jaro, kantoj, parte kun originala muziko, parte laŭ konataj melodioj aŭ kiel tradukaĵoj. — Tie ĉi devas esti citata la fako de la **Literaturo**, kie Esperanto estas prave elektita por preni sur sin la peran rolon. Kaj efektive, Esperanto jam disponas multajn specimenojn el la ĉiulanda literaturo. El la lastnovaj publikaĵoj estas ĉefe citindaj *Rakontoj japanaj kaj bulgaraj*, *Patroj kaj Filoj* de Turgenev, *Marta* de Eliza Orzeszko. La periode aperantaj esperantistaj revuoj publikigas cetere multon da specimenoj el la eksterlandaj literaturoj. La germana literaturo prezentis al la eksterlandanoj tradukaĵojn en Esperanton de *Minna von Barnhelm* de Lessing, *Hermann und Dorothea* kaj *Werther's Leiden* de Goethe, *Die Waffen nieder* de Bertha von Süttner, *Die Karawane* de Hauff k. a. Citinda estas ankaŭ la

[1] Ankaŭ en den Haag (Noto de la Trad.).

originala dramo *Gustav Vasa* de Reinhold Schmidt-Gotha. Speciale devas esti insistate pri la traduko de la *Malnova Testamento*, prizorgita de D-ro Zamenhof mem. La agadoj de la komisiono por la tradukado de la Biblio jam tiamaniere progresis, ke eble la *Nova Testamento* estos preta en la jaro 1911.

*
* *

La organo de la **Scienco** daŭrige estas la Esperante redaktata monata gazeto *Internacia Scienca Revuo*. Tamen, multaj sciencaj libroj aperis, en kiuj Esperanto ludas rolon ; ekz. estas tute en Esperanto verkitaj *Porĉiama Kalendaro* de Prof. Török ; *Analitika geometrio absoluta* : *La ebeno Bolyei-a*, de Prof. Vörös k. a. Kelkaj sciencaj verkoj enhavas ĉe sia fino resumon en Esperanto, ekz. la listo kaj priskribo de la koleopteroj, eldonita de Helliesen en Stavanger (Norvegujo) kaj ankaŭ la serio da broŝuroj pri ĝenerala evolucio publikigata de D-ro Marchand el Berlin. Interesaj estas la informoj de la pariza ĵurnalo *La Croix* : en sia numero de 22/3 1910 ĝi citas la jenajn sciencajn asociojn, inter kies anoj troviĝas fervoraj esperantistoj : *Académie des Sciences, Collège de France, Institut Pasteur, Muséum, Ecole polytechnique, Ecole normale supérieure, Conservatoire des Arts et Métiers, Ecole des mines, Académie de médecine, Observatoires de Paris et de Meudon, Facultés des Sciences et de Médecine de Paris, Ecole de Pharmacie de Paris.*

Esperanto ankaŭ estas akceptita de la *Institut International de Bibliographie* kaj de la *Bureau des Sociétés Internationales* en Brussel, kiuj laboras en siaj fakoj laŭ sciencaj principoj. Kiel konate okazis en Brussel dum la tutmonda ekspozicio multnombraj internaciaj **kongresoj**, pri kiuj regule raportis en Esperanto, aparta aldono de la *Revue des Congrès et Conférences*. Ĉe kelkaj el tiuj kongresoj Esperanto estis permesita (Liberpensuloj, fotografoj) ; ĉe aliaj la demando pri internacia helpa lingvo estis vigle diskutata (Tutmonda kongreso de la internaciaj kongresoj, kongreso de la gazetistaro). Sed ankaŭ kongresoj, kie oni ekskluzive uzis Esperanton, okazis dum la jaro 1910, ekz. la jam priparolita VIa esperantista kongreso en Washington ; plie la kongreso de la katolikaj esperantistoj en Parizo, kie nur estis pritraktataj ekleziaj temoj ; la kongreso de la kuracistoj kaj tiu de U. E. A. en Augsburg, la kongreso de la danaj esperantistoj en Kopenhago (1) ; fine estu citataj la regionaj esperantistaj kongresoj, kiuj parte ĝuis la subtenon de la urbaj estraroj, ekz : la kongresoj de Augsburg (kvina germana), Cheltenham, Le Creusot, Petropolis (Brazilujo) k. t. p.

*
* *

(1) Ankaŭ la 2a belga esperantista kongreso (Brugge, 15-16 Majo 1910). (**Noto de la Trad**.).

La naciaj kongresoj kondukas min al la **Organizacio** de la esperantistoj, kiu ankaŭ grave progresadis, pro la pligrandiĝo de la nombro de esperantistoj. La novfonditajn asociojn de la junaj esperantistoj mi jam citis, ankaŭ la internacian ligon de la esperantistaj fervojaj oficistoj. Citinda estas krome *Itala Esperantista Federacio* kaj *Norvega tutlanda Esperanto-Asocio*. Specialajn progresojn plenumis Esperanto en laboristaj rondoj, nome i. a. en Germanujo, kie multnombraj esperantistaj grupoj fondiĝis, ekz. en Braunschweig, Hannover, Bremen, Breslau, Chemnitz, Stuttgart, Nürnberg, Rostock. Esperanta grupo de bohemaj kelneroj en Prag profitis el Esperanto por siaj profesiaj interesoj. En Germanujo la Germana Esperantista Asocio ĉirkaŭprenas 192 grupojn kun proksimume 6000 anoj ; 112 grupoj ne aliĝis la asocion. La antaŭ nelonge fondita *Germana akademia esperantista Ligo*, celas konigi Esperanton en la akademiaj rondoj kaj utiligi al la Scienco ; la Ligo konsistas el 7 sekcioj : filologia, filozofa, jurista, medecina, evangelia teologia, katolika teologia kaj teĥnika, krome sekcio por oficiroj. Ĉiu el la 7 sekcioj jam pridecidis sciencan temon, kiu estis publikigota ĝis la fino de 1911.

Ankaŭ laŭ vidpunkto de la *lingva teĥniko* la jaro 1910 estis fruktodona. La konstantan disvolvon de Esperanto helpis tiom la laboroj de la Akademio, kiom la lingvaj esploroj de unuopaj personoj. Nomindaj estas la publikaĵoj de la *Oficiala Gazeto*, plie la bonega broŝuro de René de Saussure « *La logika bazo de la vortfarado en Esperanto* », kaj la vortaraj laboroj de Boirac, Kabe kaj Verax ; tiuj de la lastnomita estas altvalora fundamento por la ellaborado de teĥnikaj, nacilingvaj Esperanto-vortaroj.

*
* *

Plenviva kaj agema movado kiel la Esperantista, devis nature trovi en la **ĵurnalaro** respondantan taksadon. La nombro de la nacilingvaj gazetoj, kiuj raportis pri Esperanto, aŭ konstante publikigis artikolojn parte pri, parte en Esperanto, estas tiel granda, ke mi devas rezigni pri sumigo. Citataj estu nur du faktoj : dum Majo 1910 ĉirkaŭ 30 anglaj ĵurnaloj publikigis regule priesperantajn artikolojn, kaj la « Deutsche Warte » enhavas ĉiusemajne rubrikon en Esperanto ! Estas nekontesteble, ke la ĉiutaga gazetaro iom post iom ekkomprenas la rolon, kiun Esperanto estas destinita ludi.

Le nombro de la **esperantistaj gazetoj** multe kreskis dum la pasinta jaro. Ĉefe citindaj estas kelkaj, kiuj ne nur celas propagandi Esperanton, sed ankaŭ servi specialajn interesojn per Esperanto, ekz. : *Teozofia Revuo, Nederlanda Katoliko, Esperanto et Croix-Rouge, Voĉo de Farmaciistoj*, k. a.

La jena rerigardo ne pridubeble montris, ke forte estas laborite por Esperanto. Multo estas farita, plimulto estas farota.

Plej gravaj problemoj nepre altrudiĝas, i. a. enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

Bonŝancon alportu do la nova jaro!

La ĝisnuna laborĝojo de la esperantistoj daŭrigu; multnombraj sukcesoj rekompencu ilian fervoron dum la jaro 1911.

Al ĉiuj amikoj, al ĉiuj kiuj laboris por nia entrepreno, al ĉiuj fidelaj kunlaborantoj, kiujn la nekompatema falĉisto, la Morto, forprenis de ni dum la pasinta jaro, estu dediĉata tutkora rememoro, — al ĉiuj vivantoj estu sincere dezirataj:

Bonŝanco kaj feliĉo!

*Kun la afabla permeso de l'aŭtoro esperantigis*

AMATUS.

# Io pri gramatiko

*(Fino)*

Sed, precize ĉar ĝia naturo ne tion permesis, ĝin permesas la leĝo de rilatoj inter la ideoj, kondiĉe ke tiu rilato estu preciza, klara, unuopa. Mi prenu du vortojn: *salo* kaj *supo*. Ekzistas inter ili nur unu rilato: *meti la salon en la supon*; la rilaton esprimas la prepozicio *en* post la verbo *meti*, kiu povas esti ankaŭ *jeti*, *faligi*, k. t. p. Se nun mi donas al *salo* verban formon, mi aldonas ideon verban, kiu nur povas esti en la jena ekzemplo: *jeti la salon en la supon*; ne eraro estos ebla, la ideo estos plena se mi diras: sali *la supon*: tiu esprimo estas ne natura sed figura, tute ĝusta.

Ĉu ne estus plibone uzi la sufikson **izi**?

Se oni donus al la sufikso *izi* la signifon volatan, eble estus dezirinde, ke oni povu ĝin uzi, sed tio ne estus plibona. 1° Ĝi estus rajtforpreno de la granda leĝo de rilatoj inter la ideoj, kiu tute ne bezonas tiun sufikson; 2° ĝi estas forigo de la *figuroj*, kiuj formas la belon en ĉiuj lingvoj, 3° ĝi kreus neceson alpreni nombron senliman da afiksoj; ĉar se oni decidas ke sennecese oni *devas* precizigi esprimon per afikso, oni devas ĝin fari ĉiuokaze; se *salizi la supon* signifas **miksi** *la salon kun la supo*, *supizi la salon* signifas **miksi** *la supon kun la salo*. Ni tion ne povas diri: *supi la salon*, ĉar ni pekus kontraŭ la leĝo de rilatoj inter la ideoj. Se *sukerizi la rizolakton* signifas **miksi** *la sukeron kun ĝi*; **jeti** *sukeron* **en** *ĝin*, oni bezonos alian sufikson por **jeti** *la sukeron* **sur** *malvarman rizolakton* ĉar la *miksiĝo* ne plu fariĝos. Oni povos *orizi arĝenton miksante* la du metalojn, sed oni ne povos *orizi arĝentan vazon*, ĉar la oro *nur kovras* ĝin. Oni povos *florizi la herbaron de l'herbejo* ilin *intermiksante*, sed oni ne povos *florizi fenestron* kaj *ĉambron*; se oni *vestizus sin*, estus tre malfacile *sin malvestizi*.

Kion vi diras pri la sufikso **oza** por formi adjektivojn de substantivoj? — Mi faras la saman rezonadon, kiel por *izi*. La precizeco neniam estos sufiĉa: *vazo plena de oro, vazo enhavanta en sia metalo oron*, estas *orozaj* vazoj, malgraŭ la granda malsimileco de la ideoj.

Kaj, pri la sufikso **ala**?

La sufikso *ala* estas, pli ol iu ajn precizigilo, ribela kontraŭ la leĝo de rilatoj inter la ideoj. Ĝi signifas *rilate al*: oni devus ĝin uzi ĉiam, kaj estas rilatoj inter ĉiuj kunmetitaj ideoj; inter *oro, el kiu la vazo estas farita* kaj *vazo mem* estas rilato, kiun oni povas esprimi per la prepozicio **el**: *farita el*; oni devus diri **orala vazo**; *kies metalo estas kovrita je oro*; **orala vazo**, *kiu enhavas oron*; **orala vazo**, *kies aĉeto senigis min je mia oro*, k. c., k. c. — Ĉu la rilatoj estas samaj inter *dimanĉaj vestoj* kaj *dimanĉa laboro*, kaj *puta akvo*, kaj *blindula hundo*? Tute ne: *la leĝo de rilatoj* ĉion klarigas, sed *ne* la sufikso *ala*. Se oni povas diri *ora vazo*, ĉar la *vazo estas oro*; ĉu oni povas diri *angla sonorilo*, ĉar la sonorilo estas *angla*, kvankam farita *el belga bronzo* kaj nur donanta en *Anglujo belgajn sonojn*? Ĉu tiuj ekzemploj ne pruvas, ke, se oni ribelas kontraŭ la tiel facila, tiel simpla leĝo de la rilatoj inter la ideoj, oni naskas ĥaoson ĉion konfuzigantan.

Mi sufiĉe klare pruvis, ke la afiksoj ne necesaj kaj neutilaj, estas malutilaj, kaj ke Esperanto, por ĉiam perfektiĝi, devos serĉi tiun perfektiĝon en plia aplikado de la dirita leĝo.

Mi finas tiun ĉi lecionon per kelkaj pliaj ekzemploj. Ĉu oni povas diri *broso*? Kial ne *brosilo*, ĉar estas *ilo* por *brosi*; kiel *kudrilo* estas *ilo* por *kudri*. — Atentu: ĉu *brosi* estas verbo originala? Ĉu ne estas *froti per broso*? La vorto *broso* nur havas objektan ideon, estas substantiva radiko sen verba ideo. Tiel ankaŭ *bastono*; tiel ankaŭ *krono*. Ĉar estas nur unu rilato tre preciza inter *broso* kaj *vesto*, inter *bastono, knabo* kaj *hundo*, inter *krono* kaj *reĝo* en la sekvantaj propozicioj: *mi brosis la ĉapelon, la knabo bastonos la hundon, oni kronis la reĝon*; la leĝo de la rilatoj inter la ideoj permesas verbigi tiujn vortojn per aldono de aga ideo tre klara. Ekzamenu *kudrilo*; *kudro* ne prezentas al la spirito *objektan ideon*, sed *agan*. *Kudri* estas do vera verbo, kaj *kudro* ne povas esti objekto por *kudri*: ni bezonas la vorton *kudrilo, kudropinglo* aŭ alian.

La vortoj **neĝo, hajlo** esprimas *objekton*, ne *agon*; la verba formo *neĝi, hajli* tre bone, tre precize esprimas la agan ideon *fali el la nuboj*. *Pluvi* kontraŭe estas verbo vera kaj *pluvo* estas nur ago. La objekto estas *akvo*. Eĉ tre ĝustaj kaj klaraj estas la esprimoj: *akvopluvo, neĝpluvo, hajlopluvo*.

1) La vortfarado aŭ vortdevenigado kaj la vortuzado apogas en Esperanto, kiel en ĉiuj lingvoj, sur la leĝo de la rilatoj inter la ideoj; tiu leĝo ordonas, ke la kunstarado de vortoj en propozicio, de ideoj en vorto, de propozicioj en frazo, de frazoj

en ĉapitro, de ĉapritroj en libro devas klarigi, precizigi, ĝustigi, pravigi ĉies signifon por formi la tuton volatan.

2) Frazoj, vortoj, afiksoj, kiuj aldonas neniun ideon, aŭ pliklarigon, aŭ pliĝustigon, aŭ plibeligon, devas esti konsiderataj kiel ne nur neutilaj sed kiel malutilaj al la lingvo.

3) Inter du esprimoj, la pli konforma al la supre dirita leĝo de la rilatoj inter la ideoj, estas la pli bona.

FRATO IZIDORO.

# BONA KONSILO

Konsilo ne demandata ofte ne estas akceptata. Tamen mi riskas fari modestan proponon, kiu eble tre agrabligos la estontan internacian kongreson. Mi estas spertulino ; ĉar mi jam partoprenis en kvar kongresoj, mi povas eldiri vorteton.

Cambridge (Kembriĝo) estis mia unua kongreso. La unuan fojon mi vidis alilandajn samideanojn, mi nur malmultajn konis. Mi kunhavis bonan provizon da vizitkartoj, kiujn mi intersanĝis je gesinjoroj, kun kiuj mi hazarde konatiĝis. La aliaj kongresanoj uzis notlibrojn, malkare haveblajn, por kolekti aŭtografojn. Mi preferis la kartojn, ĉar sur ili la nomoj estis pli bone legeblaj. Unu samideano kunhavis la albumon de Schuck, kun la portretoj de konataj Esperantistoj. Tio estis bona ideo, per helpo de albumo oni en la fino de la kongressemajno sciis, kiuj estis la sinjoroj sur la estrado, oni konis bone rektoron Boirac kaj doktoron Mybs, oni ne konfuzis la profesorojn Cart kaj Bourlet, kompreneble oni ankaŭ konis la faman Trion : Pollen, Cunningham kaj Mudie. Sed la aliaj ? Ho ve ! Kiu estis tiu ? Kiuj trajtoj apartenis al la karto, al la aŭtografoj ?

La sama embaraso en Dresden, Barcelona kaj Washington ! Ĉie ni aĉetis ekzemplerojn de la grandaj, kolektaj bildoj montrantaj la gekongresanojn. Sed reveninte hejmen ni vane provis memori la nomojn. En Barcelona ni havis tre belan kongreslibron kun multaj blankaj folioj por aŭtografoj, sed denove aperis la maldolĉa demando : kiu estas tiu ?

Nur unu escepto sin trovis. Kelkaj sinjoroj kaj unu sinjorino havis siajn portretojn sur la vizitkartoj. Jen la solvo de la problemo ! Nomo kaj adreso bone presitaj, la portreto apude, la kartetoj trovas lokon en ĉiu paperujo, eĉ en la saketo de sinjorinoj, ofte oni rapide pririgardas — forgeso ne estas ebla.

Mia konsilo kaj propono nun estas, ke ni ĉiuj havu vizitkartojn kun nia bildo, ni ilin interŝanĝu. La karto fariĝas per la portreto pli valora, ĝi estas malgranda donaco, kara memorajo.

Ĝi anstataŭos la nelegeblajn aŭtografojn, kiuj estas krom tio veraj turmentadoj.

Mi tre ĝojus, se la karaj gekongresanoj akceptos mian konsilon ; mi petas, ke ĉiuj gazetoj ĝin represigu.

Ĝis revido en Antverpeno !

MARIE HANKEL.

# INTERAMIĜO

**Li :**

Kien mi iras,
kie mi estas,
en mia penso
ĉiam vi restas.

Kaj dum laboro
vin mi deziras,
kaj en ripozo
vin mi sopiras.

Ho ! mi ricevis
belegan trezoron :
vi al mi donis
vian la koron.

Nun mian vivon
beligas la amo,
kaj mian vojon
heligas korflamo.

Sankta vi, fajro,
ekdormu neniam,
ĝis ke mi mem
ekdormu por ĉiam !

**Ŝi :**

Mi estas malsaĝa
birdeto via,
al mi ne alflugas
poemo tia.

Mi mem nur alflugas
al koro via,
kiel kutime
birdeto tia.

Tie mi trovas
la neston por mi,
kiun preparis
la amo de vi.

Tie finiĝas
deziro ĉia
kiel nun ankaŭ
poemo mia !

ARNOLD BEHRENDT.

# HUMORAĴOJ

## ESTU ĈIAM LA UNUA

Maljuna farmisto konsiliĝis pri sia malsana ĉevalo kun bestkuracisto, kiu, post iom da pripensado, preparis pudron kaj samtempe donis al sia kliento klarigojn pri la maniero apliki la kuracilon. « Faru — li diris — per dika papero aertubon, metu en ĝin la pudron, malfermu la buŝon de la ĉevalo kaj blovu forte la pudron en la gorĝon de la besto.»

La morgaŭan tagon alvenis la bestkuracisto, kaj trovis ne la ĉevalon, sed la farmiston tre malsana, kaj la dommastrinon, laŭte plorantan.

— Kio okazis ? li ekkriis. Ĉu via edzo ne sekvis mian konsilon ?

— Jes, repondis la edzino, li volis fari laŭ via ordono, sed — la ĉevalo blovis unue.

FLEGMO

**Ŝi.** — Mi redonas al vi vian fianĉringon. Mi amas alian viron.
**Li** (tragike).— Lian nomon ! Lian nomon kaj lian adreson !
**Ŝi** (malkviete).— Ĉu vi intencas mortigi lin ?
**Li.** – Ne ! mi provos vendi al li la ringon !

EVIDENTE !

**Sinjoro.** — Kara doktoro, mi timas, ke mi terure malvarmumis. Mi senĉese ternas. Kion vi farus, se vi tiel malvarmumus, kiel mi ?

**Doktoro.** – Mi ankaŭ ternus.

---

## PROBLEMOJ(1)

La februara n-ro de B. E. enhavas kelkajn preserarojn, kiuj neebligas la solvon de la problemoj 11 kaj 12.

Oni bonvolu korekti jenmaniere :

Probl. 11. Linio 2. Anstataŭ *man* : *roman*.

Linio 10. Anstataŭ *altiri al iokorpaj muskoloj* : *altiri al io — korpaj muskoloj*.

Probl. 12, Linio 2. Anstataŭ 41491 : 52491 ; linio 8, anstataŭ 678769 : 687869.

13. — **Logogrifo**. — Sur miaj ses piedoj, mi plej ofte estas nur neatentinda kvanto. Koron aldonu al mi, kaj mi tuj fariĝos gravega.

14. = **Fantaziaĵo**. — *Horizontale* : Vokalo — konsonanto — tri konsonantoj — konsonanto — posesivo — parto de la vizaĝo — prepozicio — grava okazontaĵo, kies sukceson ni dezir-

FIGURO

```
      .
  .   . . .   .
. . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . .
    .   . . .   .
          .
```

(1) Oni sendu la solvojn, antaŭ la 25a de aprilo 1911, al S-ro FRANS SCHOOFS, sekretario de la Redakcio, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen, (45,rue de la Petite Ourse, Anvers.) Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 3a jarkolekto estos publikigataj la nomoj de la solvintoj. Onis povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

